# TRADUKA KONKURSO POR LA LINGVOAMANTOJ...

(Estas vere granda plezuro por ni denove publikigi en nia Revuo, tiun Tradukkonkurson, kiu, estintece, kontribuis al la nivelaltigo de la lingvokono ĉe multaj el niaj legantoj. Tiun plezuron ni dankas al la sindonemo de S-roj Roger Bernard, membro de la Akademio kaj Jean Thierry, prezidanto de l'Franca Esperanto Instituto. Ilia kaj nia plej elkora deziro estas, ke en tiu Tradukkonkurso partoprenu kiel eble plej multaj gelegantoj).

Pli ol unu membro certe ankoraŭ nun memoras la konkurson, kiun organizis « La Triopo » dum la jaroj 1956, 57, 58... Kiel anoncite en la nº 245 (majo 1967), s-roj Roger Bernard kaj Jean Thierry (iama membro de « La Triopo ») konsentis rekomenci novan serion de tia konkurso.

La prezento de la jaro 1956 restas ankoraŭ nun plene aktuala.

« Nuntempe estas en modo ĉiuspecaj ludoj : « en la radioelsendoj, en la gazetoj pli kaj pli aperas « plej diversaj konkursoj...

« Ĉu vi rimarkis, ke bona traduko estas pli malofta ol bona originalo ?

« Tia fakto okazas en ĉiu lingvo ; ekzemple legu « du romanojn en la franca lingvo, unu originalan « kaj la alian tradukan : el la stila vidpunkto vi tuj « rekonos tiun, kiu estis tradukita. Ofte la frazo « restas malpli lerta ol en originala teksto, pro tio « ke ĝi estas ne spontane elpensita, sed arte ella- « borita.

« Efektive tradukado postulas du malfacilajn cer- « bumadojn : unue plej detale analizi la pensiradon « de la aŭtoro, due encerbigi ĝin tiamaniere, ke ĝi « reŝprucu kvazaŭ originale en la duan lingvon — « kvazaŭ la tradukanto estus la aŭtoro mem, espri- « manta la samajn ideojn kaj sentojn.

« Nu, lingvo ne estas nura pensesprimilo ; sed « per iu « spirito » socia ĝi estas markita de his- « torio, kiu influas kaj la vortojn kaj la stilon : tial « diras la italoj « traduttore traditore ». Jen kial la « malfacila traduko plej ofte ne egalas originalon, « sed kial la tradukado mem estas bonega ekzerco « kultura.

« Sekve, por plibonigi la scipovon de ambaŭ « lingvoj, ni proponos de tempo al tempo traduko- « tajn tekstojn ; kompilinte la plej bonajn esprimojn « ni prilaboros iun tipan solvon. » (Aprilo 1956).

∴

REGULARO DE LA TRADUKA KONKURSO

1) En la bulteno de U.F.E. *« Franca Esperantisto »* estas starigita nova serio de traduka konkurso, en kiu rajtas partopreni ĉiu esperantisto.

2) La plej sencotrafaj esprimoj ricevos konkursajn poentojn ; kaj ĉiujare en la Nacia Kongreso tri premioj estos atribuataj al la tri unuaj partoprenantoj, kiuj atingis la plej altajn poentosumojn.

3) Ĉi tiujn premiojn liveros la Estraro de U.F.E. sub formo de kuponoj valoraj por aĉeto en la Libroservo ; la respondoj al la demandoj diferencigaj pri la ekstrakto-fontoj servos nur por distingi inter egaluloj.

4) Suverenaj estas la decidoj de la juĝantaro.

5) Estas agnoskita kiel aŭtoritata lingvouzo nur la lingvo priskribita en la « Plena Gramatiko », « Plena Vortaro », « Grand Dictionnaire Espéranto-Français » de Prof. G. Waringhien, kaj « Dictionnaire Français-Espéranto » de D-ro A. Albault.

∴

La gelegantoj estas petataj traduki la du jenajn tekstojn kaj sendi siajn provaĵojn ĝis la 15-a de januaro (laŭ poŝta stampo), al : U.F.E. - T.K., 34, rue de Chabrol, Paris X.

∴

*TEKSTO Nº II, 1* - (el esperanto en la francan)

*Lasthora peto*

Ĝuste du semajnojn poste Erich jam revenis el la batalo. Li revenis, per lazaretvagonaro, grave vundita pro fusilkuglo en la pulmregiono. Oni transportis lin en la hospitalon de lia garnizonurbo Spandau. Tuj, kiam li povis, li konigis sian ĉeeston al Annemarie kaj jam okaze de ŝia unua vizito, pene parolante, li prezentis pian deziregon edziĝi al ŝi. Certe li ne konsciis pri la senespereco de sia vundo. La kuracistoj deklaris lin nesavebla. El la febra brilo de liaj okuloj jam parolis la morto. Sed ju pli lia stato malboniĝis, des pli firme fiksiĝis lia ideo pri geedziĝo, kvazaŭ per tiu kunligo kun juna, sana estaĵo, lia rompita korpo povus refortiĝi.

*TEKSTO Nº II, 2* - (el la franca en esperanton)

*« Un génie effrayant »*

Il y avait un homme qui, à douze ans, avec des barres et des ronds, avait créé les mathématiques ; qui, à seize, avait fait le plus savant « Traité des coniques » qu'on eût vu depuis l'antiquité ; qui, à dix-neuf, réduisit en machine une science qui existe tout entière dans l'entendement ; qui, à vingt-trois, démontra les phénomènes de la pesanteur de l'air et détruisit une des grandes erreurs de l'ancienne physique ; qui, à cet âge où les autres hommes commencent à peine de naître, ayant achevé de parcourir le cercle des sciences humaines, s'aperçut de leur néant et tourna ses pensées vers la religion ; qui, depuis ce moment jusqu'à sa mort, arrivée dans sa trente-neuvième année, toujours infirme et souffrant, fixa la langue que parlèrent Bossuet et Racine, donna le modèle de la plus parfaite plaisanterie comme du raisonnement le plus fort ; enfin qui, dans les courts intervalles de ses maux, résolut, par distraction, un des plus hauts problèmes de la géométrie et jeta sur le papier des pensées qui tiennent autant du dieu que de l'homme. Cet effrayant génie se nommait Blaise Pascal.

*DIFERENCIGAJ DEMANDOJ :*

1) Kiuj aŭtoroj verkis la ekstraktojn ?
2) El kiuj verkoj venas la ekstraktoj ?

# Raporto pri la Agado de la STUDENTA ESPERANTO-RONDO de Aix - Marseille (Seram)

1) *Informagado :* — Disdono de flugfolioj pri esperanto kaj pri SERAM al la studentoj apud la studentaj restoracioj en Aix kaj en Marseille.

— Eldono de la gazeto « Esperantix » por neesperantistaj studentoj kun artikoloj pri lingvistiko, paco, religio, Aix eŭropa urbo, desegnitaj respondoj al nia enketo « Kial mi ne lernas esperanton », kanto, raporto pri studenta vivo en Sovetunio, korespondpetoj, nia programo ktp.

— Prelego farita de Frédéric Bénoliel ĉe la Kultura Centro en Liceo Saint-Charles en Marseille la 3-an de marto. Ĉeestis pli ol 60 gejunuloj inter kiuj multaj vere interesiĝis kaj faris bonajn demandojn.

— Intervjuo kaj kanto en teatro Gymnase en Marseille la 5-an de marto. Dissendita de la radio Marseille-Provence la 6-an de marto.

2) *Prelegoj :* Okazis ĉe la Beletra Fakultato en Aix :

- la 7-an de Decembro : Pri Bulgario. Farita en franca lingvo kaj esperanto de Claude Nourmont. Eta ekspozicio pri la lando, popolarto, libroj ktp. Kaj lumbildoj. Ĉeestis pli ol 25 personoj.

- la 15-an de Februaro. En la kadro de rilatoj kun fremdaj studentoj, prelegeto pri Studenta vivo en Japanujo. Same ekspozicio.

- la 14-an de Marto. Okaze de la jaro de internacia turismo, prelego kun lumbildoj pri Jugoslavio. En esperanto kaj franca lingvo. Ĉeestis ĉirkaŭ tri dek studentoj.

3) *Festoj :* La 14-an de Novembro okazis en Aix kaŝtanfesto. Ĉeestis la esperantistaro el Aix kaj duono estis junuloj. Oni manĝis kaŝtanojn, trinkis blankan vion, kantis, ludis.

- la 15-an de Decembro Zamenhoffesto. En la sidejo Portalis. La studentoj surscenigis la libron de Privat pri la vivo de Zamenhof, kaj vigle kaj amuzinde ludis ĝin. Tri knabinoj kantis. Poste sekvis trinko kaj babilado,

- la 12-an de Marto okazis kostumita balo en la ĝisnuna junulara gastejo en Aix,

- la 9-an de Aprilo en la sama loko, denove sukcesis la balo.

4) *Ekskursoj :* la 21-an kaj 22-an de Januaro okazis en Avignon dutaga renkontiĝo en la kadro de la semajn-finaj rekontiĝoj planigitaj de JEFO. Ĉeestis pli ol 20 gejunuloj el Parizo, Romans, Montélimar, Montpellier, Béziers, Berre, Marseille kaj Aix. Inter ili gejunuloj en Nederlando, Kanado kaj Cipro.

Sufiĉe alloga programo : krom la vizito de Villeneuve kaj de la ĉefaj monumentoj de Avignon, prelegeto pri Esperanto en internaciaj junularaj movadoj. Balo kaj distra vespero.

La 16-an de Aprilo : Ekskurso al Sainte-Victoire.

5) *Konkludo :* grupoj funkcias nur kiam iu konsentis respondeci pri la organizo.

PROPONO : Ni varme petas, ke ĉiu kursgvidanto informu nin pri la nomoj, adresoj kaj naskiĝdato de la junaj komencantoj. Tio certe multe helpos nin en la disvastigo de nia junulara grupo.

*Renée TRIOLLE,*
*Sekretariino de SERAM*
*Regiona respondeculino de JEFO.*

---

# JUNULARA PAĜETO

Karaj Geamikoj,

Tute laste mi ricevis informojn, ĉu rekte ĉu malrekte, de la junularaj grupoj de U.F.E.

En Lyon laŭ la bulteno de la « Société Esperantiste de Lyon », la junuloj partoprenos en la organizo de amika festo la 17-an de decembro. Ni deziras al ili bonan sukceson.

En Romans la junularsekcio enhavas 15 gejunuloj, ĉiam viglaj, kiuj organizos internacian semajnon de la 18-a ĝis la 25-a de julio.

En Marseille la junulara rondo starigis kurson, gvidita de s-ro Duc-Goninaz, ĉe la fakultato. Du semajnfinoj estis organizitaj dum novembro en la junulargastejo pri « Entrainement à la pratique de l'Esperanto ». Tria estis antaŭvidita por la komenco de decembro.

La grupo de Thann grandparte iris al Troyes la 11-an de novembro por semajnfini kun la Junulara Grupo de Parizo. Laŭ mi tre bona restado en tiu tre malnova urbo, sed ni estis en tre moderna vilaĝo.

La junulara grupo de Parizo, kiu amike grupigas studentojn kaj nestudentojn starigis programon por 1968 :

Ĉiun trian vendredon ili kunvenas en la sidejo 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

La 6-an kaj 7-an de januaro ili kune manĝos la epifanian kukon en Fontainebleau.

La 21-an ili vizitos la ekspozicion pri Rusa Arto.

La 7-an de februaro ili iros al Meudon.

La 16-an kaj 17-an de marto ili semajnfinos en Senlis.

La 11-an kaj 12-an de majo ili vizitos « Chartres »-n.

Dum Pentekosto ili antaŭvidas tendumi aŭ restadi en la regiono de Vouvray.

La 22-an kaj 23-an de junio ili tendumos en la agrabla loko, kiu estas je ilia dispono en « Vaux-le-Penil ».

Kaj fine antaŭ la kongresoj ili esperas iri al la montaro « Vosges » por la 14 de julio.

# Echos de la Presse - Echos

Dans sa chronique du **30 octobre 1967** de **COMBAT,** Emile Servan-Schreiber (dont tous nos lecteurs ont pu apprécié les réponses lors de notre entretien avec lui, paru dans le N° 4 d' « Espéranto-Actualités », a de nouveau évoqué la « puissance de la langue » :

« En mettant les bâtons dans les roues à l'entrée de l'Angleterre au Marché commun, De Gaulle n'ignore pas qu'il ne peut que retarder l'événement.

Son raidissement s'explique devant un épilogue qu'il n'a pas le moyen d'éviter. L'Angleterre, actuellement handicapée par une crise profonde, finalement, sera gagnante.

Participant au Marché commun, elle y jouera rapidement un rôle de plus en plus important, réduisant d'autant celui dont nous avions rêvé pour nous-mêmes.

Exclue de la communauté, elle se souderait aux Etats-Unis, augmentant, encore plus à nos dépens, la puissance déjà écrasante de son alliée.

Les avatars de la livre sterling qui sera finalement aidée par le dollar n'auront qu'un temps. Ce terrain financier qui obnubile les économistes n'est pas de loin le plus redoutable. La vraie primautée des anglo-saxons est la langue qui est en voie de devenir celle auxiliaire de toutes les nations.

Le terrain gagné par l'anglais, malgré les efforts méritoires de l'Alliance française s'accélère. Or la langue est le « Sésame, ouvre-toi ! » technique et économique qui assure de plus en plus la puissance des pays de son origine.

On peut sourire des efforts de l'Esperanto, de ses quelques millions d'adhérents. Quel autre moyen auront bientôt les nations qui veulent assurer leur indépendance de la sauver ? L'appui de la Chine qui fait déjà, pour sa propagation, un effort puissant et calculé, car elle sait que jamais le chinois ne sera la langue auxiliaire universelle, est à cet égard révélateur.

Que tous les 800 millions d'écoliers d'une Chine dynamique écrivent et parlent l'Esperanto comme seconde langue et voilà l'anglais mis en échec, et freiné son quasi monopole d'expansion économique.

Il ne s'agit plus de rêves ; mais de proches et décisives réalités. »

Le même article a paru le **29-10,** dans **LES DEPECHES** (éditions Dole et Dijon), **LE JOURNAL DU CENTRE** à Nevers, **L'INDEPENDANT,** à Perpignan, et **LE PROVENÇAL,** à Marseille.

Du **FIGARO** du **20 octobre** : « Les pictogrammes au pouvoir : Au cours de son 52e Congrès Mondial, l'espéranto a posé sa candidature pour devenir la langue internationale du tourisme. Il ne faudra pas s'étonner si le volapük offre à son tour d'effacer les traces malheureuses de l'affaire de la Tour de Babel... Cela dit, il est bien certain que le tourisme pose chaque année davantage le problème de la compréhension à l'échelle planétaire. Il y a quelques années, Louis Armand m'avait dit tous les espoirs que l'on peut fonder sur les pictogrammes. Quoi de plus pratique, en effet, que ces hiéroglyphes modernes porteurs de significations intelligibles pour tous... On voit l'immense intérêt qu'il y aurait à standardiser les pictogrammes afin que leurs indications puissent servir à l'orientation des voyageurs dans le monde entier... »

Du **FIGARO du 13-11-67,** chronique de James de Coquet intitulée « Une dame qui fait schrrrumpfff... « Les onomatopées sont une des nécessités du langage, comme le sospiro en musique... De même que les hiéroglyphes ont précédé l'écriture, les onomatopées ont été l'amorce du langage. L'homme primitif faisait miam-miam pour indiquer à son épouse des cavernes qu'il mangerait volontiers un bon morceau d'aurochs. L'onomatopée est d'ailleurs de nos jours une sorte d'espéranto (sic) qui permet à des gens ne parlant pas la même langue de se comprendre... ».

**LE PROVENÇAL-DIMANCHE des 22-10 et 12-11-67** a publié deux articles fort intéressants de A. Deyrolles, membre du Bureau M.J.C. de Vitrolles, animateur du club d'espéranto.

**NORD-ECLAIR, LA CROIX DU NORD** et **NORD-MATIN** publient régulièrement chaque week-end des articles et informations diverses sur l'espéranto grâce à notre ami L. Giloteaux que nous tenons à remercier vivement ici de sa contribution à notre travail d'information. A noter que le message de J. Rostand paru dans **« Espéranto-Actualités »** n° 4, a été publié dans **NORD-MATIN** du **12-11-67.**

**LA DEPECHE DU MIDI du 24-10-67** a de nouveau consacré un long article (150 lignes) à la soirée d'information organisée par la Société toulousaine d'espéranto, sous la présidence du Dr Albault, en prélude à l'ouverture des trois cours d'espéranto.

**LE PETIT BLEU,** d'Agen, sous le titre « Aurons-nous des cours d'espéranto ? » donne le compte-rendu d'une réunion tenue à Agen pour la reprise de l'activité espérantiste dans le département.

**L'ALSACE du 29 sept. 67 :** « Un Japonais, M. Suzuki, a suivi la chaine espérantiste pour arriver en France », avec photo.

S-ro Paul Lobut a adressé une lettre à la direction de la revue **LE CYCLISTE,** où l'on peut lire une documentation parfaite sur l'espéranto et des réponses pertinentes à quelques arguments.

Le mensuel **PAX CHRISTI d'octobre 67** a évoqué dans sa chronique « Le saviez-vous ? » le Congrès Universel de Rotterdam.

S-ro Jean Dalet, d'Asnières, a écrit dans le journal **COMBAT POUR LA PAIX,** n° 209, un article d'une page « Espéranto et lutte pour la paix ».

### ENCYCLOPEDIE DES CITATIONS

Aperinte ĉe Editions de Trévise, 34, rue de Trévise, Paris, sub la aŭtoreco de P. Dupré, sur la paĝo 212, ĉe la numero 4067, oni povas legi tiun opinion de la verkisto Blaise Sendrar : « La critique d'art est aussi imbécile que l'espéranto ». — S-roj Muffang kaj Ribot jam sendis siajn opiniojn pri la aperigo de tia stultaĵo ; viaflanke, kiam vi bezonos seriozan libron kiel donacon, nepre pensu pri tiu verkaĉo !

**A SAINT-ETIENNE,** S-ro Thiolliere a fait une causerie sur l'Esperanto à la Bourse du Travail, en prenant pour thème : « L'Esperanto, moyen d'information mondiale entre chrétiens ». Plusieurs journaux stéphanois ont inséré un compte rendu avec photo.

**SUD-OUEST,** Bordeaux, a publié un long article documentaire de S-ro Lavergne : « L'Esperanto à la conquête du monde ouvrier ». Documentation très intéressante, malgré le titre, puisque, fort heureusement non seulement la classe ouvrière, mais toutes les classes sociales s'intéressent à la langue internationale.

# ĈU VI SCIAS, KE...

— INTERNACIA RENKONTIĜO de komercistoj/esperantistoj okazos dum la printempa foiro 1968 en Leipzig, sabaton, 9.3. 19a horo, en : Klub der Intelligenz « Gottfried Wilhelm Leibnitz », Elsterstr. 35. Post modesta kulturprogramo estos eblecoj konversacii laŭdezire. Interesuloj anoncu partoprenon al Germana Kulturligo - Esperanto, GRD 701 Leipzig, Käthe-Kollwitz Str. 115.

— Le Prof. Alfred Kastler, Prix Nobel de Physique, et son épouse, firent connaissance de l'espéranto il y a plus de 30 ans, à l'occasion du passage de Lydia Zamenhof à Bordeaux. La valeur de l'espéranto pour les scientifiques lui fut présentée par celui qu'il appelle « Mon Maître » : Aimé Cotton, grand savant physicien français et fervent propagandiste de l'espéranto. Dès 1932, Aimé Cotton faisait ressortir « que l'on ne pouvait réaliser à plein la collaboration internationale des hommes de science et en tirer tous les avantages qu'elle comporte que si les chercheurs pouvaient se comprendre exactement, rapidement et complètement. Que seul l'usage d'une même langue permettait d'atteindre cet idéal. Que seul l'espéranto s'était montré assez clair, assez simple, assez souple et qu'il s'était assez répandu dans le monde pour être sur de ne plus disparaître ». C'est d'ailleurs presque exclusivement en espéranto qu'Aimé Cotton correspondait avec les savants étrangers. (Eltiraĵo de prospekto eldonita de la Nord-Orienta Federacio).

— Ges-oj RAVELOSON estas la feliĉaj gepatroj de Filino, nomita Nadine Navonavalona. Gratulojn al niaj geamikoj kaj longan kaj feliĉan vivon al Nadine.

— La Pola Radio disaŭdigas sian programon en E. per ŝanĝitaj ondolongoj : 25,09 m., 25,42 m., 25,59 m., 31,50 m., 41,99 m., 42,11 m., 50,25 m. La nomitaj ondolongoj validos ĝis aprilo 1968. La esperanta programo de la Pola Radio estas disaŭdigata ĉiutage de la 16.30 ĝis la 17.00 laŭ la mez-eŭropa tempo.

— Dum la Somero 1968 okazos en Jugoslavio tuta sinsekvo da esperantistaj feriaj aranĝoj sub la komuna nomo « Internaciaj Kulturaj Ferioj ». Ĉiu aranĝo daŭros 15 tagojn kaj kune ĉiuj aranĝoj donos la eblecon ferii en unu el la plej allogaj turismaj lokoj de Jugoslavio, kiam ajn inter la 1-a de Junio kaj la 30-a de Septembro.

— Kiel ĉiujare, la pariza kafejo « Ma Bourgogne » konsentis, ke la afiŝo pri la E. Kursoj aperu ĉe ĝia vitrino.

— Ankaŭ la Librejo « Sylvie », 25, place des Vosges, Paris 3ᵉ, bonvolis afiŝi la saman sciigon. Dankon al niaj helpantoj !

— La Prezidanto de la Kaleza Grupo, s-ro Buerick, verkis francligvan informadon pri Esperanto en prospekto de la Centre Culturel Calaisien, reliefigante la tujan intereson de nia lingvo kaj invitante al la kursoj, kiujn la Kaleza Grupo aranĝis.

— La Pola E. Asocio aranĝos Internacian E. Ferion de la 17a de Aŭg. ĝis la 3a de Sept. en la urbo Meedzygorze. Ĉiuj informoj estas riceveblaj de la Pola E. Asocio Okcidenta Regiono, Poŝtkesto 8 Str. Dubois 3 - Wroclaw 17.

— La Universala Ligo, kies sidejo estas en Hago (172 Riouwstraat) kaj la Organo : La Praktiko, emisiis plian metalan moneron ; ĝia valoro estas 25 steloj. Ankaŭ ĝi estas tre belaspekta, kiel la moneroj de 1, 5 kaj 10 steloj.

— En Abelboden (Svislando) okazos skiferio inter la 26-12 kaj la 4-1 ; ĉiuj interesatoj sin turnu al : Esperanto Edukistaro de Svislando, Miéville 133 CH 2314 La Sagne (Svislando).

— Tria volumo de la Leteroj de Zamenhof estas nun pretigata ; pri eventuale nekonataj korespondaĵoj de D-ro Zamenhof bv. informi aŭ sendi fotokopiojn al S-ro Reinhard Haupenthal, Am Bahndamm 12 - 6603 Sulzbach Saar (Germanujo), kiu surprenis la redaktadon de ĉiu volumo Antaŭdankon.

— En Montélimar, nia amiko Llorens daŭre kaj sukcese luktas por la disvastigo de nia lingvo. Sur la luksa gvidlibreto de sia urbo, li povis presigi tutan paĝon en esperanto titolitan « Bonvenon al la Esperantistoj en Montélimar ». Gratulon al s-ro Llorens kaj al liaj samgrupanoj, pro tio imitinda agadformo.

— La norvega Fervojmuzeo en Hamar, jus eldonis belan tutesperantan fald-folion ? Tiuj el vi, kiuj vizitos Norvegujon, certe trovos grandan intereson en tiu Muzeo, kie estas kunigitaj multaj allogaĵoj.

— En Helsinki, sub la gvido de Vilho Setala, membro de la Akademio de Esperanto, komenciĝis je la 2-a de Oktobro 1967 du oficialaj kursoj de Esperanto en la Universitato, kiu estas la plej granda en Finnlando kaj laŭ lastatempa decido de la universitataj aŭtoritatoj.

— S-ro Knichal, Praha 10, U Hranic 13 Ĉekoslovakio invitas la literaturistojn, ĵurnalistojn kaj gazetojn el okcidentaj landoj ligi aŭ helpi al la ligado de laborkontaktoj ; temas pri interŝanĝoj kulturaj teorie kaj praktike nome pere de la internacia lingvo.

### POŜTMARKO KUN ESPERANTA TEKSTO

(IGS/659) Praha. — La Ĉeĥoslovaka Ministerio de Poŝto ĵus emisiis la 49-an poŝtmarkon de la mondo kun teksto en la Internacia Lingvo. La okazo de la eldono estas la Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj en 1968, kiun la Ministerio jam nun reklamas per serio de sep dulinvaj markoj. Sur la 5-kolora marko de valoro 5 Kcs aperas teksto en la ĉeĥa lingvo kaj en Esperanto. La poŝtmarko aperas en speciala aranĝo kiel folieto po kvar markoj kun meza kupono.

### ESPERANTO-ASOCIO ATAKOS LINGVAN DISKRIMINACION

(IGS/660) Rotterdam. — Universala Esperanto-Asocio, la monda organizaĵo por la Internacia Lingvo, planas ampleksan agadon okaze de la Internacia Jaro de Homaj Rajtoj 1968, deklarita de Unuiĝintaj Nacioj. La Asocio, kies Centra Oficejo troviĝas en Rotterdam, aparte atakos la multespecajn formojn de lingva diskriminacio, kiun specife kondamnas en sia 2-a artikolo la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. Kiel unua paŝo, ĝi reeldonis kaj distribuas tra la tuta mondo la Esperantan tekston de la Universala Deklaracio, kiu ĝis nun aperis entute en 61 lingvoj.

### ESPERANTO-DISKO ELVENDITA EN SEP SEMAJNOJ

(IGS/661) Bussem, Nederlando. — La konata nederlanda disk-eldonejo Iramac N.V. informis, ke jam elvendiĝis la unua eldono de la disko « Jen nia mondo », kiun ĝi lanĉis komence de aŭgusto okaze de la 52-a Universala Kongreso de Esperanto, kiel « la unua stereofona longedaŭra disko en Esperanto en la mondo ». « Jen nia mondo » konsistas el ok kantoj verkitaj de Bob Dylan kaj Pete Seeger, kantitaj en Esperanto de la nederlandaj gekantistoj « Duo Espera ».

### DE LA VJETNAMA LINGVO AL LA JAPANA PER ESPERANTO

(IGS/662) Tokio. — La vjetnama novel-kolekto « Meze de l' flamoj » 12 noveloj de 9 aŭtoroj ĉi-jare aperis en japana traduko, eldonita de Tôhô-Syuppansya (Eldonejo Oriento). Ĝi jam atingis plurajn represojn en la sama jaro. Notinde estas, ke la traduko estis farita laŭ la eldono en Esperanto, kiu aperis en 1965. La tradukintoj klarigas, ke la fleksebla strukturo de Esperanto permesas tre fidelan redonon de la senco eĉ tra dufoja traduko — de la vjetnama en Esperanton kaj de Esperanto en la japanan. En ĉiu okazo, tradukistoj kapablaj traduki rekte el la vjetnama en la japanan estas preskaŭ netroveblaj. La unua tia traduko per Esperanto de la vjetnama al la japana estis la romano « Franjo Tu Haŭ », eldonita de Sin-Nippon-Syuppansya (Eldonejo Nova Japanujo) en 1965. Ambaŭ libroj jam vendiĝis en pli ol po 10.000 ekzempleroj.

# INSTRUAJ DISTRAĴOJ

## SOLVOJ DE LA ANTAŬE PROPONITAJ ENIGMOJ

09 — La lingvo esperanto estas majstroverko de logiko kaj simpleco.
10 — ŝipan' — italo — pafar' — alaŭd — nordo.
11 — Litero T.
12 — LENTO - MENTO - PENTO - SENTO.
13 — Li estis la patro de la vundita junulo.
14 — La juĝisto levigas la manon (por ĵuri) kaj la ŝtuparo la piedon. — La horloĝo havas sian tiktakon kaj la generalo sian taktikon. Ambaŭ havas butonojn. — Ambaŭ restas en la ĉambro. Ambaŭ havas foliojn.

—o—o—

## NI PROPONAS AL VI LA JENAJN DISTRAĴOJN

15 — El la ĉi subaj silaboj faru 27 dusilabajn vortojn kun signifoj :

AG AK AK AR ĈO DA DO DO DO DO DOR ER ES EST FLA FO FO ĜO KO LO LO LUN MAR NA NE NIG NO NOK NOR NUK ON ONK OR PAS RA RE RO RO RO SO SO SO ŜA TI TO TO UR VA VER VINT VO ZEB ZIN ZO.

1 Parto de la tago
2 La terkulturisto faras
3 Kvarpieda besto
4 Parenco
5 Koloro
6 Granda besto
7 Nomo de tago
8 Granda birdo
9 Koloro
10 La veturilo havas
11 Afrika besto
12 La maro havas
13 Direkto
14 La plej ofta verbo
15 Parto de la korpo
16 Koloro
17 Fiŝkaptilo
18 Grava persono
19 Nomo de tago
20 La rozo havas
21 Trinkaĵo
22 Frukto
23 Jarparto
24 Apartenas al la violono
25 Metalo
26 Ne havas gepatrojn
27 Blanka akvo

La unuaj literoj de la 27 vortoj donas interesan proverbon kun sekvinda enhavo.

16 — DIVENAĴO : Ĉio, ĉe mi, estas tute inversa :
La aktisto antaŭiras la juĝiston,
La kampulo venas antaŭ la reĝo,
La kleriko antaŭ la pastro,
La lakeo antaŭ la mastro,
La lernanto antaŭ la profesoro,
Aŭtuno antaŭ somero
Kaj Pasko post Kristnasko
KIO do estas mi ?...

(sendis s-ro SALASC)

17 — ANAGRAMO : Trovu 4 kvinliterajn vortojn, konsistantaj el samaj literoj malsame vicigitaj kaj laŭ jenaj difinoj :
A/ Seksa karaktero de substantivo
B/ Gramenaca semo panigebla
C/ Loĝanto en centra Afriko
D/ Nacio, lando, potenco

(sendis s-ro SALASC).




18 — KRUCVORTOJ

*Horizontale.* — 1. Naskiĝurbo de Zamenhof. — 2. Li parole konigas legendojn. — 3. Religia festo (R). — 4. Homo (R) ; Inter du epokoj (R). — 5. Lanĉi senorde ; Aparata. — 6. Tutmonda asocio ; Tia pafado postulas parfarkon. — 7. Ĉiu ajn loko kie oni povas iri (R). — 8. Rusa ĉefurbo (ruslitere) ; Sufikso uzata por dividi. — 9. Loko ; Havigi al si.

*Vertikale.* — 1. Tute brave. — 2. Korpogardistoj de turka sultano. — 3. Eco postulanta horloĝon. — 4. Komenco de ekvatora arko ; Usona prezidanto (1917-63) (komencaj literoj). — 5. Bonodoras dum la meso (R) ; Ĝi esprimas surprizon. — 6. Direkti veturilon (R) ; Brando eltirita el rizo (R). — 7. Komprenigi ion montrante ĝiajn kialojn. — 8. Aparato produktanta elektro-magnetajn oscilojn (R). — 9. Ŝipra urbo ; Persona pronomo.

(sendis s-ro CORNICE).

—o—o—

TAKTOPLENA INFORMANNIERO

Juna viro estis mortigita en trafika akcidento. La policestro komisiis unu el la policanoj sciigi la ĉagrenigan novaĵon al la juna edzino kaj li rekomendis :

« Agu taktoplene, delikate ; senzorga, abrupta sciigo povus tro subite kortuŝi la junan virinon kaj igi ŝin malsana ».

« Jes, sinjoro komisaro », mi atentos, vi povos fidi al mi ».

La policano alvenas al la hejmo de la mortinto kaj sonorigas ĉe la pordo. Juna virino venas.

« Kion vi deziras, sinjoro ? »

« Ĉu vi estas Vidvino Bonhomo ? »

« Mi estas Sinjorino Bonhomo, sed mi ja ne estas vidvino ».

« Ho jes, via edzo estas ĵus mortigita ».

(sendis s-ro MOTILLON).

# ĜEMELIĜO INTER BOURGES KAJ AUGSBURG



La bildo montras : S-ro Morin, S-ino Schmid, S-ro Schwager, S-ro Schmid, S-ro Boisde, S-ro Sandner kaj S-ro Bourry.

(Ni petas pardonon de niaj Legantoj, informi ilin nur nun pri evento, kiun oni devas konsideri tre grava, sed nur per letero de nia germana Samideano Hermann Schmid (kies unua raporto survoje perdiĝis!) ni estis informitaj. Nun, ni elkore deziru kaj klopodu, ke tiu ĝemeligo estu sekvata de multaj aliaj... dank'al nia Lingvo.)

Jus hejmenveninte de du sinsekvaj Esperanto-kongresoj, nome de tiu de l'Internacia Fervojista Esperanto Federacio (I.F.E.F.) kaj de l' Germana Esperanto Asocio, mi ankoraŭ ne findigestis ĉion ĉi, okazinta dum tiuj du kongresoj.

Tamen mi ne forgesis la imponan ceremonion okaze de la ĝemeliga kontrakto inter la franca urbo Bourges kaj la germana urbo Augsburg, kiu okazis la 29an de aprilo 1967 en la urba festsalonego de Augsburg. — Leginte artikolon pri la interkonsento de ĝemeligkontrakto inter ambaŭ urboj, Bourges kaj Augsburg en la loka gazeto de Augsburg, mi tuj demandis letere mian korespondamikon, s-ro Henri Trelluyer el Sartrouville, ĉu li scias adreson de s-ano aŭ ino de la koncerna urbo.

Post mallonga tempo mi jam havis la adreson de s-ino Robert, edzino de urbestrarano de Bourges. — La cetera vojo ne plu estis malfacila, kaj la korespondado ekfloris, inter la esperantistoj de Bourges kaj Esperanto-klubo de Augsburg. — Nia fervora kluba sekretario, s-ano Eugen Schwager kun lertaj manoj teksis la personan kontakton inter la geesperantistoj de ambaŭ urboj.

La plej granda surprizo estis, kiam ni eksciis, ke eĉ la ĉefurbestro de Bourges estas tre malnova kaj fervora esperantisto.

S-ro Boisde montris en Augsburg publike sian bonegan lingvo-scion per recito de sufiĉe longa poemo verkita de d-ro Zamenhof.

La fakto, ke tiel eminenta persono kiel la eksministro kaj urbestro de Bourges, s-ro Boisde, okupiĝas pri la internacia lingvo Esperanto, surprizis kaj impresis la publikecon fortege, kaj granda nombro da homoj, kiuj antaŭe estis turmentitaj de antaŭjuĝoj, subite ŝanĝis la opinion pri la taŭgeco de la Internacia Lingvo.

Eĉ la loka gazeto, kiu ĝis tiam preskaŭ ignoris la ekzistadon de l'klubo esperantista de Augsburg, nun sufiĉe ofte raportas pri okazintaĵoj el Esperantujo.

Granda ĝojo kaj plezuro estis por mi kaj mia edzino, ke ni povis gastigi en nia « hejmo esperantista » (ni hejme nur parolas Esperanton), du samideanojn de nia ĝemeliĝa urbo Bourges, nome s-ron Paul Morin kaj s-ron André Bourry.

Ili raportis, ke antaŭ ne longe en Bourges fondiĝis klubo esperantista, kies prezidanto estas s-ro Morin.

La du amikoj diris, ke ili la unuan fojon ĝuas la gastamecon en eksterlando flanke de esperantistoj, kaj ili sentis sin tuj hejme inter la augsburgaj samideanoj.

Bedaŭrinde la kunesto daŭris nur tri tagojn, sed ni esperas revidi nin en aŭtuno, kiam ni intencas viziti nian ĝemelan urbon Bourges, por refreŝigi la amikecon.

Ĝis tiam mi esprimas mian kaj la sinceran deziron de nia augsburga esperantista amikaro : Vivu la du ĝemeliĝintaj urboj Bourges kaj Augsburg, kaj ties civitanoj !

Hermann SCHMID.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : A. BOURDEAUX.